Katolika Vivo
informiga gazeto internacia

C. OTHON

## EL SVISLANDO

# La iama Monaĥejo de Sankt-Gallen kaj la nuna renovigo de la Katedralo

La iama benedikta monaĥejo de Sankt-Gallen povas fieri pro tio, ke al ĝi apartenis la plej malnova monaĥa lernejo de tuta Eŭropo. Iam en la jaro 614 alvenis el Irlando en Arban ĉe la Baden-lago grupo de monaĥoj sub la gvidado de Kolumban. Dum la aliaj plimalproksimen migradis, restis tie pro malsano sankta Galo. Post resaniĝo li tutsole iradis suden laŭlonge de la sovaĝa Steinaĥvalo, ĝis kiam li, iun vesperon, lacege falis en dornarbetajon. Sur la sama loko li starigis krucon el salikoj. Ankoraŭ nun staras la Sankt-Gala kapelo tie, kie laŭ la legendo okazis la akcidento, sed tuj apude etendiĝas la impona katedralo.

Sankta Galo pensis, ke Dio volis, ke li ĉi tie restadu, kaj komencis kulturigi la teron konstrui malgrandan lignan kapelon. Baldaŭ li trovis kelkajn kunhelpantojn kaj kune ili tiam ekkonstruis malgrandan dometaron kun nova pli granda preĝejeto. Ĉiam pli kaj pli da homoj el proksime kaj malproksime alvenis kaj deziris loĝadi en ĉi tiu loko. La dometaro konstante kreskis, kiel samtempe la nombro de la Benediktanoj. Dum la X-a jarcento komencis la unua floradotempo de la monaĥejo. Ĝi fariĝis famkonata pilgrimloko, kiun vizitis homoj el tre malproksimaj regionoj. Precipe la loko estis mondfama, kiam vivadis neforgeseblaj monaĥoj, kiel Notker, Eckehard, k. a. Precipe la nomitoj skribadis multajn verkojn, el kiuj ankoraŭ nun estas konservataj kelkaj valoraj manuskriptoj kaj verkaroj. Eckehard ankaŭ estas la verkinto de la fama ankoraŭ nun tre konata belega poemo: « Meze en la vivo ni estas ĉirkaŭata de la morto. »

La florado de la monaĥejo daŭris ĝis la XVI-a jarcento, kiam komencis la Reformacio, kiun ĉefe disvastigis en Svislando Pastro U. Zwingli. La jaro 1529 estis unu el la plej malfeliĉaj por Sankt-Gallen. Tiam okazis la t. n. « bildtumulto », dum kiu la protestantoj elrabis la tutan monaĥejon kaj la altvaloran bibliotekon. La grandajn altarbildojn kaj grandparte ankaŭ la kunpreneblajn preĝejajn ajojn, ornatojn kaj flagojn, eĉ relikvojn ili ŝarĝis sur entute 46 vagonojn kaj ĉion veturis al la « Brühl », kie ili bruligis la tutan rabajon. La plej multaj, parte valoregaj verkaroj el la granda biblioteko kunbruliĝis, kaj la monaĥoj sukcesis savi nur tre malmultajn librojn kaj kelkajn relikvojn de sanktaj Galo kaj Othmar. Tial la nuna « Stiftsbibliothek » ne posedas multajn verkojn el antaŭ ĉiu tempo.

La laborejestro S-ro Finkel antaŭ novaj kapiteloj

La renovigata katedralo de Sankt-Gallen

Ĝis la jaro 1805 ekzistadis la fama monaĥejo de Sankt-Gallen. Sed la 8 majo la urbestraro solvigis la monaĥejon, kaj starigis eparĥion kun episkopo. Estis forta sortbato por la monaĥoj foriri kaj forlasi por ĉiam la karan lokon, la monaĥolernejon kaj la afablajn Sankt-Gallen-anojn. Al la nova eparĥio apartenis la kantonoj Sankt-Gallen kaj Appenzell. La unua episkopo estis D-ro Mirer. Ĝis nun regnadis kvin episkopoj, la lastmortinta, D-ro Bürkler mortis lastjare la 28 majo. La nuna episkopo estas la ĉie tre ŝatata kaj konata Msro D-ro Al. Scheiwiler.

La katedralo kiel ĝi nun aspektas estas konstruita de Abato Cölestin II-a, dum la jaro 1754-1772. Tiu Abato tre ŝatis kaj komprenis la preĝejan konstruarton, kaj ankaŭ gvidis preskaŭ la tutan konstruadon. La internejon oni ornamis belege per plafonpentrajoj, skulptitaj ĥoro- kaj konfes-seĝoj, artplenaj stukreliefoj, pompa ĥoreja krado. Sub la ĉefaltaro troviĝas tomba kelo honore al la du patronoj de la urbo: sanktaj Galo kaj Othmar. Kaj sub la ĥorejo ripozas la du lastajn princabatojn: Pankratius Forster kaj Beda.

La du imponaj katedraloturoj estas 73 metrojn altaj. En ili troviĝas entute 17 sonoriloj. La plej granda estas la kvara el la plej grandaj sonoriloj en tuta Svislando. Supre de la turoj estas grandaj orumitaj ruloj kaj sur ili krucegoj, havantaj altecon de 2,5 metroj. Ili estas videblaj de tre malproksime kaj superstaras la tutan urbon kiel admonante kaj montrante al la popolo la irendan solan vojon per la kruco al la eterna celo.

La katedralo dum multaj jaroj tre suferis pro la veteroj, kaj tie kaj tie dispecetiĝis sabloŝtonoj, precipe ĉe elstarajoj. Antaŭ kelkaj jaroj kunvenis urbaj ekspertizistoj, kiuj invitis lertajn en- kaj eksterlandajn arĥitekturistojn por pristudado de katedrala renovado. Preciza rigardado montris, ke estas tre necese renovigi la eksterajon. Por financigi la aferon oni tiam aranĝis monkolekton en la tuta eparĥio, en ĉiuj preĝejoj, laikoj kolektis de domo al domo, la gazetoj aranĝis specialajn kolektadojn kaj instigis la katolikaron al kunhelpo por ĉi tiu granda kaj tre multekosta verko (laŭ buĝeto proksimume 2 milionoj sv. fk.). De ĉio la rezulto estis tre kontentiga kaj la preparoj por la renovado komencis. Oni aĉetis apartan ŝtonrompejon en la proksima Teufen, ĉar multegaj ŝtonoj kaj figuroj devas esti anstataŭataj. Konstrudirektoro fariĝis la arĥitekturisto S-ro E. Schenker, la skulptistolaborojn transprenis la firmo Quadrelli, kaj kiel laborejestro estis elektata mia patro, S-ro Finkel. Antaŭ la katedralturoj oni konstruis barakon por la laboristoj. La 1 septembro 1928 komencis la renovado de la suda turo. Unue oni konstruis stablegon ĝis la meza teraso, poste pli supren ĝis la krucegoj sur la pinto de la turo. Tie penaj estis la laboroj, ĉar la plimulto de la ŝtonoj, preskaŭ ĉiuj angulŝtonoj kaj figuroj devis esti anstataŭataj. La grandajn rulon kaj krucon oni ankaŭ nove orumigis, kaj ili nun belege trembrilas kiel suno.

Ĝis la nuna printempo daŭris la turo-renovado kaj komencas nun la laboroj ĉe la meza fasado kaj dua turo. Verŝajne la katedralo ne estas tute renovita antaŭ la jaro 1935. Ankoraŭ nun oni kolektas monon, ĉar la necesa sumo buĝetita jam ne estas atingata. Dio benu ĉi tiun grandan verkon, la aktivajn kaj pasivajn kunhelpantojn kaj la tutan eparĥion!

Hans Finkel.

En kapturniga alteco

## La katolika gazetaro kaj la nia

La Paskonumero de *Katolisches Sonntagsblatt* en Breslau (Germanujo) enhavas artikolon pri *Katolika Vivo*. Ĝi tekstas proksimume jene: « Ĉiuj katolikoj certe interesiĝas ke depost komence de ĉi tiu jaro aperas nova, grandampleksa per bildoj provizataj jurnalo, titolita *Katolika Vivo* en Parizo, ties celo estas la mondlingvon Esperanto praktike uzi por la servo de la internacia katolika agado. *Katolika Vivo* raportas pri ĉio katolika en la tuta mondo per interesaj artikoloj, sciigoj kaj originaj verkaĵoj. Amplene intencas *Katolika Vivo* la samkredanojn disigitajn per landlimoj kunigi en reciproka kompreno, kristana amo kaj frata kunlaboro.

Do ĝi tute praktikadas laŭ la lastaj papaj pacalvokoj. La nova katolika gazeto jam estas disvastigata en pli ol 30 landoj de la mondo kaj intencas direktan raportservon, kiu unuavice por katolika gazetaro estas grava. Post kiam la internacian helplingvon Esperanto estas uzintaj jam de longe sukcesplene la malamikoj de la Eklezio, framasonoj, komunistoj, socialistoj, ktp. oni devas konsideri pli salutinda la nova entrepreno por ĉiuj katolikoj kaj dezirinde, ke, ĝi trovus necesan subtenadon ĉefe de la katolikaj esperantistoj. » Plue estas en la sama gazeto sub rubriko « El mondo kaj eklezio » tradukoj el *Katolika Vivo* enhavantaj sciigojn el Francujo, Anglujo, Aŭstrujo, kaj Japanujo.

La *Bayerischer Kurier*, el München (Bavarujo), enhavis ankaŭ en sia numero de la 30 marto, afablan informon pri la apero de nia internacia organo de katolika agado.

## La Belgaj katolikoj kaj Radio

La Belgaj katolikoj donas pri ĉio ekzemplon de rimarkinda organizado. Iliaj sociaj verkoj floras, ilia gazetaro estas influa. Kompreneble, ili tute ne povis senintereseiĝi pri propagando pere de la radio. Tial ili fondis societon, kies celo estas aranĝi katolikajn radio-dissendojn; ĝia titolo estas Belga Radio Katolika. La sidejo de tiu tutmoderna societo estas en Bruselo, 23, rue des Marées.

La unua alvoko de la Belga Radio Katolika eksonis en junio 1930. Fine de januaro 1931, la societo kalkulis 12.000 anojn. Sed la katolikaj radio-organizantoj ne kontentiĝas pri tiu sukceso; ili denove alvokas ĉiujn Belgajn katolikojn por aliĝo.

Jen kiaj estas la nuntempaj dissendoj de la Belga Radio Katolika aranĝitaj ĉe la posteno Radio-Bruselo:

Lundon, 18.00 - 18.45: Semajna Bulteno de la Belga Radio Katolika.

Mardon, 20.00 - 22.00: Koncerto kaj parolado.

Ĵaŭdon, 18.00 - 18.45: Porknaba dissendo de la Belga Radio Katolika.

Dimanĉon, 18.15 - 18.45: Religia dissendo por la malsanuloj.

## ĈIEAJ INFORMOJ

■ Sub la aŭspicioj de la Internacia Unuiĝo de helpo al infanoj okazos, la 22-25 junio venonta, en Ĝenevo, internacia konferenco pri la afrika infanaro. Inter la enskribitaj oratoroj estas ses pastroj, el kiuj kvin misiistoj, nome: Pastro Guilcher, el la Societo por la Afriklandaj Misioj de Lyon; D-ro Kusters, el la Benediktanoj de Sankt-Ottilien; Pastro Vanderhoven, el la Patroj de Scheut; Pastro Joyeux, el la Blankaj Patroj; Pastro Dubois, Jezuito; kaj Pastro Loiselet, Jezuito, kuracisto kaj profesoro pri parazitologio ĉe la Katolika Instituto de Lille. (*Fides.*)

■ La Itala registaro malpermesis kongreson de la Universitata Federacio Katolika, okazonta la 6-8 aprilo en Ferrara, pretekstante gardi la bonordon en ĉi tiu urbo. Tiam la kongreskomitato elektis alian urbon: Pavia. Tamen la malpermeso restis. (*Osservatore Romano.*)

■ La XI-a kongreso de *Pax Romana*, kiu koincidos kun la deka jardatreveno de la fondiĝo de tiu federacio, okazos, la 20-25 julio, en Fribourg (Svislando). La temo estas: « La studento ĉe la Universitato. » (*Argus.*)

■ Lasttempe en Italujo multaj faŝistaj ĵurnaloj atakis la Katolikan Agadon, ĉar ĝi preparas ekonomian organizajon, kiu laŭ ili estos kontraŭa al la leĝoj kaj reĝimo. La *Osservatore Romano* protestis kontraŭ tiuj fantaziaj informoj.

■ La internacia kongreso de la liberpensuloj, kiu estis okazonta ĉijare, la 15 aŭgusto, en Warszawa (Pollando), ne okazos en tiu urbo nek en tiu lando, pro la energiaj protestoj de la katolika gazetaro. Sekve la liberpensuloj kunvenos en Nürnberg (Germanujo).

■ Sekve de esploroj oni estus malkovrinta en Bruselo kranion de sankta Elisabeto el Hungarujo. Tiu kranio estus donacita al la preĝejo Sankta-Gudulo de la ĉefdukino Isabela, en 1614, per ŝia testamento, sed la relikvaĵo estus transportita al Bruselo nur en 1633.

■ Dum polemiko, kie li ne distingiĝas per ekzakteco kaj lojaleco, budhana ĵurnalisto de
estis la grafo Hrán el Harasov. La skulpt
Cejlo, G. Robert de Zoysa, senatente skribis tiun diron je la laŭdo de la misiistoj: « Mia celo, parolante pri la katolika pastraro, estis instigi la budhanan pastraron. Mi dezirus renkonti ĉe niaj budhanaj pastroj la fervoron, kiu incitas la katolikajn pastrojn. » Valora atesto. Sendube la celo de la polemikisto ne povas rajtigi siajn erarajn akuzojn, sed la jus citita diro estas notinda. Ĝi montras, ke la aktiveco de la Oblatoj de Senmakula Mario, kiu deĵoras en tiuj regionoj, estas atestata de la budhanoj mem. (*Fides.*)

■ La Rom-katolika Universitato en Nijmegen (Nederlando), nur freŝdate fondita, donis la unuan doktoran diplomon pri teologio, la 19 marto lasta, al S-ro D-ro C. van Oosterhout, profesoro ĉe la Supera Seminario de la Breda-eparĥio, post verkado kaj defendo de disertacio pri Psikologio de la konscienco. Fakto kontentiga por la Nederlandaj katolikoj! Ili ja havis kaj havas jam multajn teologiajn doktorojn, inter kiuj kelkaj vere aŭtoritataj, kiel Mannens kaj van Noort, sed ili ĉiuj doktoriĝis fremdlande, ĉu en Loveno, ĉu en Friburgo. (*Fr. Floriano.*)

■ En la lasta numero de la Nederlanda revuo *Studiën* Profesoro Tromp, el la Gregoriana Universitato en Romo, skribis: « Estas momento, kiam Romo dezirus, ke la lingvodisvastigejo de Nederlando estus multe pli granda ol ĝi estas reale. » Tion li skribis okaze de la reeldono de la « Klarigo de l' Kateĥismo, de Msro Potters. La verko estas klarega komentario de la Supera Katehismo por la Nederlandaj eparĥioj, en kiu la verkinto sukcese kunigis dogman precizecon kun facila komprenebleco. Msro Potters konfidis sur sia mortlito sian « spiritinfanon » al la episkopo de Breda, kiu komisiis por la reeldono de la modela verko tri profesorojn de sia Supera Seminario. Cetere la ekleziaj sciencoj trovas nuntempe en Nederlando bonegajn adeptojn. Tre glorfamaj estas verkoj kiel: « La Kristanaj atestaĵoj de la Katakomboj », de Pastro Hendrichs, Jezuito, « La Ora Ĉeno de l' Vero », de la sama verkinto, kaj precipe la apologia revuo *Het Schild* (La Ŝildo), kiu trovas admiron eĉ en alipensulaj rondoj. (*Fr. Floriano.*)

**Propagandu ĉien nian gazeton**

# La Katolikoj volas la Pacon

## Solena deklaro de la Francaj katolikoj

*La ĵurnalo* La Croix *(La Kruco), de Parizo, publikigis, en sia numero de la 9 aprilo, solenan deklaron subskribitan de la ĉefaj katolikaj organizajoj en Francujo pri la paco, kies gravecon neniu malatentos. Jen la tuta dokumento.*

Dekdu jarojn post la fino de la milito, kiu devus esti la lasta, maltrankvileco reaperas en la mensoj, alarmaj diroj disvastiĝas, oni kuraĝas antaŭvidi novajn konfliktegojn.

Tamen *la klopodoj por internacia organizajo* plimultiĝas, kaj iom post iom la rilatoj inter la popoloj plifirmiĝas. Se iam estis tiom da timoj pri milito, neniam estis ankaŭ tiom da pac-esperoj.

Tiun ekesperon, ni, katolikoj, tutkore salutas, tiele asertante niajn konvinkojn bazitajn sur la kristana doktrino, kiun la Papo senĉese rememorigis al ni.

Jam en 1894, Leono XIII denuncis*: la minacan multiĝon de la armiloj.*

Meze de la milito, Benedikto XV-a — la 1 aŭgusto 1917, antaŭ Prezidanto Wilson — sugestis *la samtempan kaj reciprokan malpliigon de la armadoj* kaj petis, ke *al la materia forto de la armiloj estu substituita la spirita forto de la Juro.*

En 1922, Pio XI-a rememorigis al la nacioj, ke la plej bona garantio *ne kuŝas sur bajonetaro, sed en reciproka konfido kaj amikeco.*

La sama Pio XI-a — paroladeto de Kristnasko 1930 — malhonore signis, kiel *abomeninde hommortiganta, la nacion kiu nun havus militajn pensojn.*

La katolikoj neniel povus alimaniere pensi ol ilia Estro.

Ilia kristana patriotismo postulas ja la respekton al ĉiuj patrujoj kaj la amon al ĉiuj homoj laŭ karitato kiu, laŭ la diro de sankta Paŭlo, ne scias landlimojn. Kaj *en la internaciaj institucioj*, kiujn kelkaj konsideras kiel riska novaĵo kaj eble ĥimera, *ili*
solene diris la sanktan meson, je la dek-unua
*ideo kristana.*

Ni do ŝatas la Societon de Nacioj, la arbitraciajn traktadojn, la Internacian Just-Korton en Hago, la Kellog-pakton fine, malgraŭ iliaj mankoj, kiel valoraj pacigiloj.

Kaj ni salutas kiel nova promeso de paco la Ĝeneralan Konferencon pri la malpliigo de la armado, kiu estas okazonta en Ĝenevo dum 1932.

Nia vigle atenta patriotismo malkaŝe deklaras cetere, ke *la problemo de la malarmado devas ĉiam esti interligita kun tiu de la sekureco kaj arbitracio.*

Plue ni kredas, ke samtempe kun la provo de organizado de la paco devas okazi disvastigo de la paca spirito en la popolamaso de ĉiuj landoj. Necese estas, ke trans la landlimoj la popoloj lernas reciproke interkonatiĝi kaj dank' al lojalaj kaj sinceraj klarigoj sukcesas kompreni siajn respektivajn vidpunktojn kaj finfine ilin akordigi.

Kvankam ili estas disigitaj en diversaj patrujoj, kiujn ili tutkore servas, *la katolikoj faras grandan familion obeantan al komunan Patron, kaj pli ol iu povas kaj devas labori al la verko de la paco.*

**Ni estas firme deciditaj nin dediĉi al tiu verko.**

Katolika Asocio de la Franca Junularo
Ĝenerala Sekretariejo
de la Studenta Junularo Kristana
Laborista Junularo Kristana
Voluntuloj de la Papo
Internacia Intelekta Centrejo Virina
Franca Kunfederacio
de la Kristanaj Laboristoj
Popola Agado
La Intelekta Vivo
Ĝenerala Komisiono
de la Sociaj Semajnoj de Francujo
Ligo de Francaj Katolikoj
por la Justeco kaj Paco Internaciaj
Katolika Ligo de la Francaj Virinoj
Patriota Ligo de la Francinoj
Virina Unuiĝo Civitana kaj Socia
En la redakcio de la Socia Sekretariejo
Katolika Vivo.

# La jarkvindeko de la Internaciaj Eŭkaristiaj Kongresoj en Lille (Francujo)

## Belegaj solenoj okazontaj

La VIII-a Nacia Eŭkaristia Kongreso, kiu okazos en Lille de la 1 ĝis 5 julio venonta sin anoncas kiel religia manifestado impona.

Memorfestante la fondon de la Internaciaj Eŭkaristiaj Kongresoj en la urbo mem, kie naskiĝis tiu fruktodona verko jen antaŭ kvindek jaroj, ĝi estos prezidata de Kardinalo-Legato, kiu reprezentis en la solenoj Lia Papa Moŝto Pio XI-a.

Pli ol sesdek ĉefepiskopoj kaj episkopoj, el kiuj la tuta Belga episkoparo, kun Lia Kardinala Moŝto van Roey, ĉefepiskopo de Meĥeleno, kaj Msro Heylen, episkopo de Namur, prezidanto de la Konstanta Komitato de la Internaciaj Eŭkaristiaj Kongresoj, jam sendis sian aliĝon al la organizantoj. El ĉiuj partoj de la mondo venos delegitaroj unuiĝi al la multnombraj fideluloj de Francujo por kanti la sanktegan Eŭkaristion.

Oni jam nun antaŭkalkulas, ke pli ol 100.000 viroj partoprenos en la ferma procesio, dimanĉon la 5 julio, kiu okazos sur riĉe ornamita vojo 2.500 klm. longa en la Madeleine-lez-Lille.

Tiu bulvardo, 80 metroj larĝa, plene taŭgas por opa marŝado de tiel nombra homamaso; ĝi estos transformita en vere sankta vojo de la Internaciaj Eŭkaristiaj Kongresoj pere de artaj temoj, kiuj memorigos ĉiun el la tridek kongresoj, kiuj sinsekve okazis en la mondo de post tiu en Lille en 1881.

La ornamo de la irvojo de la procesio estos belega. Jam de post kelkaj monatoj, en ĉiuj hejmoj ĉu riĉaj ĉu malriĉaj, lertaj manoj laboras por la fabriko de miliono da rozoj, kiujn la Patriota Ligo de la Francinoj promesis oferdonaci, je la nomo de siaj proksimume 70.000 aninoj en la eparĥio de Lille.

En tiu feŝa kadro, la vido estos vere impona. El tiu grandega homamaso, marŝanta en plena ordo, aŭdiĝos nur unu sola voĉo. Dank' al genia sistemo de laŭtparoliloj, instalitaj grandnombre en la stratoj, la 950 plej bonaj kantistoj de la eparĥiaj preĝejhoroj, akompanata per potenca orgeno, gvidos la kantadon de la 100.000 viroj partoprenantaj en la procesio kaj de la multaj fideluloj lokitaj laŭlonge de la irvojo. Muzikistaroj kaj fanfaristaroj ludos aeriojn post ĉiu kantiko.

La ferma soleno okazos sur ampleksa tereno, situata tute proksime de Lille. Tie estos konstruita monumenta altaro por la pontifika meso de la Papa Legato, la dimanĉon matene.

Ĵaŭdon 2 julio estos festtago por la etuloj. La Organiza Komitato esperas, ke pli malpli 50.000 geknaboj partoprenos en la diversaj ceremonioj.

Spirita koncerto okazos dum tiuj tagoj en la granda salono de la Katolika Universitato de Lille. Tio havigos al la kongresanoj okazon por pilgrimi al la Kolegio Alberto la Grandulo, en kiu kunvenis la Unua Internacia Eŭkaristia Kongreso, la 27-30 junio 1881.

Tiuj ĉi informoj montras, ke la Nacia Eŭkaristia Kongreso de Lille estos grandioza manifestado religia.

Aldonu, ke multaj loĝantoj proponas al la Loka Organiza Komitato ĉambrojn por gastigi la multnombrajn kongresanojn, ĉar verŝajne la hoteloj ne sufiĉos por tio.

La temo de la kongreso estas: La reĝeco de Kristo pere de la Eŭkaristio.

La juna episkopo de Lille, Kardinalo Liénart, partoprenas en ĉiuj preparoj por la kongreso kaj mem sperte gvidas la organizan komitaton. Lia nomo estos firmligita al la jarkvindeko de la Internaciaj Eŭkaristiaj Kongresoj, kiel tiu de la ambaŭ fratoj Filiberto Vrau kaj Kamilio Feron-Vrau estas al la unua kongreso en 1881.

(*Oficiala Komunikaĵo.*)

## La kontraŭkatolika persekutado daŭras en Litovujo

### Novaj faktoj

Damokla glavo daŭre ĝis nun pendadas super finfina disrompigo de rilatoj inter registaro kaj ekleziaj aŭtoritatuloj. Favoru bona Dio, ke ĝi neniam efektiviĝus kaj bena paco ekreĝus en nia lando! Tamen jamaj faktoj pruvas malon...

Apenaŭ fondita skolta grupo de katolikaj studentoj devigita estis fermiĝi eĉ en Universitato, ĉar ĝi kontraŭas al « Leĝo de litova skolta unuiĝo ». Kie estas do konstitucia libereco por organizajoj?

Enkarcerigitaj katolikaj personoj post tri semajnoj (post punfino) estis liberigitaj, ankaŭ aliaj el koncentriga malliberejo, aliaj tamen novaj ekzilitaj estas. Admirinda estas fervoro kaj kredeble timo, kun kio oni ekzilis du studentojn: Domaŝevičius, prezidanto de gimnazianaro « Ateitininkai » kaj Masionis. Ili loĝis en propra domo de organizajo « Atkai », kaj nokttempe estis tuta domo ĉirkaŭita kaj esplorita de 70 (!) publikaj policistoj por aresti nur du homoj.

Afero de ok studentoj katolikaj kaj kvar pastroj en militistara juĝejo solvota estas la 12 majo.

### Unua proceso al pastro pro prediko

En la lastaj tagoj estis juĝita Pastro Lipnickas, estro de Katolika Junularo. Li estis juĝita pro sia prediko, dirita la 8 decembro 1930. Li estas akuzita pri « agitado kontraŭ la registaro en preĝejo ».

La defendanto de Pastro Lipnickas, S-ro Gabaljaŭskas, diris, ke tribunalo ne havas rajtojn diskuti ĉi tiun proceson, ĉar la artikolo n° 1160 de la kanonika leĝaro malpermesas al la civila registaro kontroladi sanktajn lokojn kaj sekve predikojn. Krom tio, en la Konkordato de la registaro kun la Sankta-Seĝo la unua artikolo diras: « Katolika Eklezio profitos ĉiujn liberojn, necesajn al la spirita regeco kaj ĉiujn devojn, fiksitajn de Dio-ordonoj kaj de kanonjuroj. » Ankaŭ en la 84-a artikolo de la ŝtata konstitucio estas dirite: « La ŝtato permesas al la spirita registaro ordiĝi tiel, kiel postulas ĝiaj kanonoj. » Klare, pastro devas respondi per simpla ordo pro siaj diraĵoj, diritaj en aliaj lokoj. Sed li ne devas respondi al la civila registaro pro siaj predikoj, kiuj estas rekta devo de ĉiu pastro. Pro predikoj, li respondas nur al la episkopo.

La Eklezio estas aŭtonomia fako, same kiel universitato kaj parlamento.

Malgraŭ tio, la tribunalo juĝis la pastron. Sed pro tio, ke ne ĉeestis ĉiuj atestantoj, la proceso estis prokrastita.

Vir.


**KATOLIKA VIVO**

DUSEMAJNA GAZETO INTERNACIA

**DIREKCIO kaj REDAKCIO**
22, Cours Albert-Premier — PARIS-VIII
Telefono: Parie-Elysées 85-84
Telegrama adreso: Ramboux, Croibayar-Paris-86

**ADMINISTRACIO.**
22, Cours Albert-Premier — PARIS-VIII
Poŝta ĉekkonto: Ramboux Georges, Paris n° 281.40

**ABONPREZOJ:**

| | jara | duonjara | kvaronjara |
|---|---|---|---|
| Por Francujo kaj ĝiaj Kolonioj . . fr. fk. | 30.— | 16,— | 8 50 |
| Por landoj kun rabata poŝttarifo . fr. fk. | 35.— | 18.50 | 9.75 |
| Por aliaj landoj fr. fk. | 40.— | 21.— | 11.— |

La abonoj komencas la 1-an de ĉiu monato.
Ĉiu abonanto al *Katolika Vivo* ricevas ankaŭ la monatan revuon ilustritan *Espero Katolika*.
La abono daŭras, se ni ne ricevas kontraŭmendon, kaj sekve ĝi estas tuj repagota.

**Oni abonas aŭ reabonas:**

1-e Rekte al la administracio de la gazeto, ĉu per nia poŝtkonto (Ramboux Georges, Paris n° 281.40), ĉu per naciaj bankbiletoj aŭ bankĉekoj, pageblaj en Parizo, sendataj en registrigita letero; ankaŭ per internacia poŝtmandato.

La posedantoj de poŝtĉekkonto en la sekvantaj landoj: Aŭstrujo, Belgujo, Ĉehoslovakujo, Danujo, Danzigo, Franca Okcidentafriko, Germanujo, Hungarujo, Jugoslavujo, Luksemburgo, Maroko, Nederlando, Saarteritorio, Svedujo, Svisujo kaj Tunizio, povas pagi per internacia poŝtĉektransigilo al franca poŝtĉekkonto nia.

2-e Pere de la enlandaj abonejoj ĉi-sube menciitaj, sammaniere aŭ per ilia poŝtkonto:

*Por Anglujo*: S-ro J. E. Hookham, 45, Holmesdale Road, en Teddington (Middlesex).

*Por Aŭstrujo*: S-ro Karl Dürschmid, Herrengasse 23, Graz. Poŝtkonto n° 122.791.

*Por Belgujo*: S-ro César Vanbiervliet, Audenaerdesteenweg 100, Kortrijk. Poŝtkonto n° 2289.27.

*Por Ĉeĥoslovakujo*: S-ro Fr. Kozel, Trebizského 474, Praha-Koŝire. Poŝtkonto n° 89.927.

*Par Germanujo*: S-ro J. Thomalla, Harsdoferstr. 7 k. Magdeburg-W. Poŝtkonto n° 9.728.

*Por Hispanujo*: Pastro Font Giralt, Seminario de Santa Maria del Collell, Gerona-Bañolas.

*Por Irlando*: S-ro H. McNiel Macauley, 1, Wellington Quay, Dublin, C. 4.

*Por Nederlando*: S-ro P. A. Schendeler, Prins Hendrikstr. 30°, en Eindhoven. Poŝtkonto n° 77.739.

*Por Polujo*: S-ro M. Janik, Świerklany-Dolne (Rybnik). Konto P. K. O. 303.779, Katowice.

*Por Svislando*: S-ro K. Jos. Haas, Adligenswilerstr. 4, Luzern. Poŝtkonto: VII 3.883.



# JUBILEAJ FESTOJ

## en la Benediktana Abatejo de Montserrat

(HISPANUJO)





La stranga monto Montserrat, Segita Monto — laŭlegende segita de anĝeloj por fari tronon por la Dipatrino — kies nomon oni aljuĝis al ĝia Benediktana Monaĥejo, staras meze de Katalunujo, nord-oriente de Hispanujo. Ĝia plej alta pinto staras je 1.235 metroj, kaj la monaĥejo je 723 metroj super la Meztera maro.

La tre antikva kapeleto, dediĉita al sankta Mario de post senmemora tempo, estis aliformita je monaĥejo, en 1031, de la fama Abato Oliva, el la monaĥejo de Ripoll (Katalunujo), kaj dependanta de tiu ĉi granda monaĥejo.

La romana preĝejo estis konstruita dum la XI-a jarcento, kiam jam disvastiĝis tra la tuta lando la kulto al la Dipatrino en ŝia romana ligna skulptaĵo, ankoraŭ nun respektegata, bruniĝita per la tempo kaj la fumado de kandeloj kaj oleolampoj dum naŭ centjaroj, sur la ĉefa altaro de la baziliko, estinte ĉiam ŝi la efika centro de la historio de Montserrat.

En tiu jarcento komencis la grandaj pilgrimoj, kiuj ĉiam estis la ĉefa karakterizo de la pia amo de la fideluloj, floranta, sindonema, per memaj piaj inklinoj kaj sinoferoj, elpetoj por enterigoj en la monaĥejo, donacoj de domoj kaj bienoj, ktp.

En la jaro 1090 ekzistis jam la Kunfrataro de Nia-Sinjorino de Montserrat, kies anoj konsistis el popolo, nobeluloj kaj reĝoj. Kaj ĝi estas ankoraŭ nuntempe tiel disvastigata en Katalunujo, Hispanujo kaj eĉ en la tuta mondo.

Oni konservas ankoraŭ multajn dokumentojn de la XII-a jarcento pri multaj mirakloj ŝuldataj al la favoro de la Dipatrino, kies bonkoreco havigis al ĉiuj fide kaj humile petintoj la kuracon de iliaj malsanoj. Pri ili atestas la reĝo Jakobo I-a, episkopoj kaj ĉefepiskopoj, kaj la Papoj Klemento III-a kaj Bonifacio VIII-a.

Sendependiĝintaj de Ripoll, dum la XIV-a jarcento, kaj de tiam regataj de propraj abatoj, la monaĥoj pligrandigis siajn laborojn en ĉiuj direktoj. Ili verkis sennombrajn librojn en sia « skribejo », kiu dum kvin jarcentoj, estis la fokuso de la kulturo en Katalunujo. Ili pligrandigis la fervoran kulton al la « Brunulino », karesa nomo donita al la Dipatrino de Montserrat de la Katalunoj, plivastigante la restadejon por la pilgrimantoj de ĉiuloke alirantaj kaj akirante novajn bienojn en la ĉirkaŭaĵoj de Montserrat kaj en diversaj lokoj de Katalunujo. Baldaŭ ili fondis priorejon en Valencia.

La abatejo de Montserrat fariĝis subjekto de la Valadolid'a Ordeno. Kaj tiam laŭ ordeno de la reĝo Ferdinando la Katolika la monaĥoj daŭrigis la kulturlaboron pere de la famaj abatoj, precipe de la piega abato Cisaeros, aŭtoro de la « Ekzercadoj de la spirita vivo » kaj de diversaj aliaj religiaj libroj.

Post la elpenso de la presarto, la monaĥejo de Montserrat, estis inter la unuaj uzantoj. Kaj famiĝis ĝia presejo pere de la Majstroj Luschener kaj Rosembach, kiuj publikigis aron da libroj unu- kaj du-inkaj. Tuj post la malkovro de Ameriko, estis monaĥo de Montserrat, Patro Bernardo Boil, kiu la unua iris al la ĵus konitaj landoj por prediki la Evangelion.

Nia-Sinjorino de Montserrat pli kaj pli favorigis siajn fidelulojn, kaj tiuj ĉi pli kaj pli fariĝis multnombraj. Tial Abato Garriga, iama ĥorknabo en la monaĥejo, konstruigis novan pligrandan templon, kiu povis enteni ĉiujn pilgrimantojn, kiuj tamen baldaŭ supreniris eĉ la sanktejon, ĉar ilia nombro pli kaj pli kreskis.

Komence de la XIX-a jarcento, Montserrat estis jam ĉefabatejo, ĉar krom la dekdu ermitejoj, kiuj, de post la unuaj jarcentoj, okupis la pli sovaĝajn lokojn de la monto, laŭ nova Tebaido, ĝi posedis ankaŭ la filiojn de Sankta-Cecilio, de Sankta-Genis-les-Fonts kaj de Sankta-Benedikto de Bages. La kulturlaboro pli kaj pli floradis, kiam la Napoleonaj trupoj, en 1810, detruis la tutan trezoron, kiun la fervoro de la fideluloj estis kunmetinta ĉe la piedoj de la Virgulino. Ili bruligis la manuskriptojn kaj inkunablojn, ripetante ankoraŭ du fojojn la rabadon post elverŝo de senkulpa sango de monaĥoj kaj ermitoj.

Post kelkaj jaroj de ruino, oni intencis, en 1820, malrapide ekrekonstrui la monaĥejon, ĝis kiam la revolucio en 1834 denove disigis la monaĥojn, kiuj revenis nur en 1844. Tiam estis denove malfermita la preĝejo por la kulto.



Ĝenerala vidaĵo de la Benediktana Monaĥejo de Montserrat

La lastaj tri abatoj Muntadas, Deas kaj Marcet daŭrigis tre vigle la rekonstruon de la monaĥejo kaj restarigis la pian kaj solenan kulton al Mario, rekolektante laŭ vere Benediktana pacienco la malmultajn disigitajn dokumentojn de la antikva biblioteko kaj arĥivo, pligrandigante la nombron de la monaĥoj kaj ĥorknaboj, fondante novajn filiojn en Manilo (Filip-insuloj) kaj en Nova Norcia (Aŭstralio), kiel misiejojn, kaj domon en Jerusalemo, por la Biblio-studentaj monaĥoj, redaktoroj de la Biblio de Montserrat, monumenta verko en tridek volumoj, tradukita katalunlingven el la pli antikvaj originaloj, kaj multe ilustrita per fotografitaj dokumentoj de la Bibliaj lokoj.

La glorhistoria presejo denove eldonas multajn religiajn librojn: pri monaĥaj studoj, apologiaj temoj kaj Bibliaj demandoj.

En 1881, Papo Leono XIII-a proklamis Nian Sinjorinon de Montserrat, patronino de Katalunujo, kaj konsentis la titolon kaj privilegiojn de minora baziliko al la abateja preĝejo. Tiuokaze estis grandaj festoj.

Ĉi tiun jaron oni solenigos du datrevenojn de la abatejo de Montserrat: la naŭan jarcenton de la fondo de la monaĥejo pere de Abato Oliva el Ripoll kaj la kvindekan jaron de la proklamo de Nia-Sinjorino de Montserrat kiel reĝino de Katalunujo. Samtempe oni intencis festi la XV-an jarcenton de la Koncilio en Efeso, kiu difinis la Dian Patrinecon de la Virgulino Mario.

Tial okazos grandaj festoj de la 27 aprilo ĝis la 8 septembro, kiujn ĉeestis ĉiuj episkopoj de Katalunujo kaj verŝajne ankaŭ eklezia eminentuloj el aliaj regionoj kaj landoj. Tiuokaze oni prezentos al la publiko la mirindan elmontron de la laboro de Montserrat, de post ĝia fondiĝo ĝis nun, en scienco, arto kaj arĥeologio, per instalo en konvenaj konstruaĵoj, libere vizitotaj de la pilgrimantoj, de ĝiaj riĉegaj muzeoj natura, antaŭhistoria, arĥeologia kaj biblia, kune kun la ikonografio de la sankta Virgulino.

Dum tiu tempo oni memorfestos la kvar famajn fervorulojn de Montserrat: Episkopo Oliva, patriarko de Katalunujo, fondinto de la monaĥejo, Episkopo Torras i Bages, inspirita aŭtoro de la « Elpetoj » al la Bruna Virgulino, Pastro Jacinto Verdaguer, karmemora poetkantinto de la granda monaĥejo, kaj Majstro Nicolau, fama komponisto de la plej belaj Montserrat'aj kantoj.

Kaj inter aliaj gravegaj festoj, por pli kompleta elmontro de la antikva kulturo de Montserrat, la muzikkapelo, la ĥorknabaro de la monaĥejo aŭdigos serion de koncertoj pri antikva muziko de aŭtoroj de Montserrat; tiamaniere estos eble konatiĝi kun la muzikaĵojn, kiuj feliĉigis la pratempajn pilgrimantojn.

Tiaj faktoj estos la plej ĝustaj demonstradoj de la praktika apliko de la devizo de sankta Benedikto: « Preĝu kaj laboru ». Ĝi estas la « senĉesa laŭdado », kiu per la preĝoj kaj kantoj de la Benediktanaj monaĥoj, akompanataj de la anĝelaj voĉoj de la ĥorknaboj — la plej antikva institucio de Montserrat, devenanta de la fondtempo de la monaĥejo — oferas tage kaj nokte, tagon post tagon, en senhalta vico, bukedon de la plej delikataj floroj, formantan post la jarcentoj mirindan girlandon ĉirkaŭ la sankta monto kaj parfumanta la tutan Mari-amantan Katalunujon. La laboro estas ankaŭ riprezentata per tiom da diversaj aktivecoj, de la terkulturo por la propra nutrado de la ermitoj ĝis la beletristika kaj humana studado en la « skribejo », ĝis ankaŭ la fondo de la kolegio por misiistoj por Transmaraj Landoj de la Abato Dias kun ĝia fruktodona laboro, kaj la sciencaj elserĉoj ĉiudirekten faritaj nuntempe en la granda abatejo, inda posteulo de la gravega monaĥejo Sankta-Mario el Ripoll, pioniro de la Kataluna kulturo.

Hiacinto Figueras.



Antikva gotika klaŭstro en la Benediktana Monaĥejo de Montserrat

## EL ANGLUJO

### Pastro, kiu scias kvindek-kvar lingvojn, ĵus festis sian oran jubileon

Pastro William H. Kent, O. S. C., granda klerulo, kiu estris inter alia kvindek-kvar lingvojn, celebris la oran jubileon de lia pastreco la 25 marto.

La jubileanto celebris la meson, tiun tagon, en la preĝejo Sankta-Mario de la Anĝeloj, Bayswater, Londono, kaj la Ĉefepiskopo de Liverpool estis la speciala predikanto por la okazo. Vespere okazis solena *Te Deum* kaj Benado; poste oni prezentis donacon al Pastro Kent.

Pastro Kent, O. S. C., naskiĝinta en 1857, estis edukita ĉe Kolegio Sankta-Johano, Nth: Kensington. En 1876 li aliĝis al la Oblatoj de Sankta-Karlo kaj estis presbiterigita de Kardinalo Manning, en 1881. En la sekvanta jaro oni elektis lin por instrui dogman teologion al la Oblataj studentoj; tion li daŭre faris ĝis 1898.

Pastro Kent havas grandan konon pri la verkistoj mezepokaj tiaj, kiaj sanktaj Tomaso kaj Bonaventuro kaj Skoto. Ankaŭ li havas profundan scion pri la eklezia Leĝaro.

Inter la lingvoj, li estris sanskriton, gelikon kaj ĥinon. Dum la daŭro de 50 jaroj li multe verkis artikolojn por gazetoj diverslingvaj.

Malgraŭ lia klereco Pastro Kent sekvas la ekzemplon de lia patrono sankta Karlo en lia humileco kaj amo al la malriĉuloj. Preskaŭ la tuton de la pastra vivo li travivis en Londono.

Leo Dukes.

# EL GERMANUJO

**La nacisocialista lernej-politiko kontraŭas la elementajn katolikajn doktrinojn: anstataŭ kristana ĉiukonfesia lernejo, eduko al la « Germana homo » !**

La nacisocialismo (NS) volas influi ankaŭ la diversajn kulturajn kampojn kaj precipe sin miksi aktive en la ide-batalon pri eduko kaj lernejo. Tion atestas i. a. la *fondo de nacisocialista instruisto-ligo, la eldono de nacisocialista instruisto-gazeto kaj de nacisocialistaj periodaj gazetoj por infanoj kaj junularo, la alvoko al fondado de nacisocialistaj ligoj por gepatroj kaj por lernantaro, kaj laste la publikigo de lernejprogramo de la nacisocialista germana laborista partio per la nacisocialista instruisto-gazeto.*

La ĉikazaj fontoj sufiĉas, por precize ekkoni la eduk- kaj lernejpolitikajn principojn kaj celojn de la NS. Ĉi tiujn fontojn la direktoro de la katolika lernej-organizaĵo en Bavarujo, Johano Zinkl, faris bazon de meditado pri la interrilatoj de la NS al la demandoj de la eduko de la junularo kaj lernejo, meditado, kiu aperis en la januar-februara numero de la *Eltern-Weckruf* (Veksignalo al la gepatroj), organo de la katolika lernej-organizaĵo en Bavarujo.

La eduk- kaj lernejpolitikajn principojn kaj celojn de la NS oni povas resumi laŭ Zinkl en jenaj *kvar kerntezoj :*

1. *La unua kaj plejalta posedanto de ĉiuj rajtoj pri la junularo kaj ties eduko laŭ nacisocialista opinio estas la ŝtato. Pro tio al la ŝtato estas koncesiata la absoluta rajtprimato pri la tuta edukado, instruado kaj klerigado.*
2. *La lernejpolitika celo de la NS estas la ĝenerala ŝtatigo kaj monopoligo de ĉiuj lernejaferoj per forigo de ĉia neŝtata lernejfondo kaj lernejsubteno, sekve : absoluta ŝtata lernejmonopolo.*
3. *La popollernejo de la NS estos unueclernejo, kiu ĉian laŭkonfesian aranĝon malebligas. Ĝi estu unuec-deviglernejo, por kiu ne ekzistas anstataŭaĵo. Ĝia mondpercepta karaktero estas signata kiel « pozitive kristana komunlernejo », t. e. mondpercepta lernejo en la senco de germana nacireligio.*
4. *Plejalta kaj lasta edukcelo de la nacisocialista unueclernejo, al kiu ĉiuj aliaj eduk-taskoj estas subordigitaj, estas la « Germana homo ».*

El la klarigoj, kiujn aldonas la verkinto, ni elprenas jenajn :

« La NS asertas, ke familio kaj eklezio konsidere al siaj edukfunkcioj estas nur " aranĝoj ", kiujn uzas la ŝtato por la praktikado de la en siaj manoj estanta edukpotenco. Ili do estas al la ŝtato en la sama subordigita kaj dependa rilato kiel la lernejoj, kiujn la ŝtato establas.

La ŝtato sola sekve posedas laŭ nacisocialista opinio originan rajton pri la junularo kaj ties eduko, sed familio kaj eklezio nur deduktan, de la ŝtato ceditan rajton. La ŝtato posedas unuan kaj absolutan rajton pri la junularo kaj ties eduko, la familio kaj la eklezio havas nur duan kaj relativan rajton, kiu devas funkcii en la kadro kaj laŭ la ŝtataj edukordono kaj edukprogramo.

*La percepto de la nacisocialista lernej-kaj edukprogramo kontraŭas la elementajn katolikajn doktrinojn pri la interrilato inter gepatroj kaj infano, inter eklezio kaj eduko, ŝtato kaj lernejo.* La NS nun konsekvencas el sia percepto, ke ĉia edukrajto unugrade kaj absolute estu en la manoj de l' ŝtato. Ĝi ja postulas la nelimigitan ŝtatigon de ĉiuj edukejoj kaj institutoj por la junularo de la popolo kaj volas forigi ĉiajn neŝtatajn, do ankaŭ la ekleziajn edukejojn kaj institutojn. Tia ŝtata lernejmonopolo kontraŭas la netranscedeblan rajton de la katolika Eklezio pri la establo kaj subteno de edukejoj kaj institutoj, rajton, kiun la Eklezio ĉiutempe kaj en ĉiuj landoj praktikis kaj ne nur por la plenumo de sia Dia misiordono, sed ankaŭ por la starigo kaj pliigo de ĉia speco de homaj kulturo, klereco kaj civilizaoio. Kaj tia ŝtata lernejmonopolo signifas perfortan kontraŭjuran sinmikson en la konscienliberecon kaj en la edukrajton de la gepatroj, se ĝi montras sin en kunigo kun la ĝenerala laŭlega devigo al lernejo, kiel ĉi tio okazas en la nacisocialista programo.

La nacisocialista unuec - popollernejo pli estos *unueclernejo laŭ la mondpercepta senco.* La nacisocialista programo postulas ; La germana lernejo estas pozitive kristana komuneca lernejo.

Kiel « pozitive kristana komuneca lernejo » signas do la NS la de ĝi postulata germana unueclernejo. Oni memoros antaŭ ĉio pri la tielnomataj simultanlernejoj, kiel ili laŭ la lernej-leĝdonado antaŭ la regnokonstitucio ekzistis.

Sed : *« Pozitiva kristanismo » en la senco de la nacisocialista programo havas alian signifon. Ĝi signifas en kontrasto al katolika kaj protestanta kristanismo hiperkonfesian « germanan kristanismon ».* Germana religio aŭ germana kristanismo estas la religipolitika celo de la NS, establita en ĝia german-popola mondpercepto kun la de ĝi postulata absoluta superordigo de la politikaĵo super la religiaĵo. Ĉi tiun germanan estontec-kristanismon volas la NS realigi antaŭ ĉio en la ŝtate monopoligitaj edukejoj kaj publikaj instruadoj laŭ la solvilo : unu popolo, unu ŝtato, unu religio, unu lernejo ! Al la ekzistantaj kristanaj konfesioj estos en ĉi tiuj lernejoj koncesiata rajto de kunagado laŭ tio, se ili devoligas sin, " esti germanaj eklezioj ", t. e. laŭ tio se ili agnoskas la germankristanismon de la NS, kiu nek en sia Dipercepto nek en sia Kristopercepto havas ion komunan kun la revelaciita kristanismo.

Jos. Lintl.



**Nia gazeto estas ponumere aĉetebla en Parizo :**

Esperantista Centra Librejo, 51, rue de Clichy (IXe).

Universala Oficejo Katolika, 59 ter, rue Bonaparte (VIe).



## Instruado religikonfesa en la Supera Popola Konsilantaro de Nederlanda Hindujo

En tiu konsilantaro la religikonfesa instruado devis elporti furiozan atakon de iu S-ro De Dreu. Ĉi tiu deputito estas iu el la instruistaj rondoj, ekspreziдanto de la N. I. O. G. (instruista asocio de Nederlanda Hindujo). En sia parolado li tute ne kaŝis la tiel konatajn principojn de ĉi tiu unuiĝo, male, li ilin emfaze manifestis. Kaj fariĝis lia parolado atakego al kristana instruado.

Sed la Registara Rajtigito por instruadaj aferoj, S-ro Schricke, ne silentis, kaj kelkaj deklaroj liaj estas tre memorindaj. Jene parolis Lia Moŝto :

« La furioza atako de S-ro De Dreu al la instruado religikonfesa ŝajnas al la Registaro iom inspirita per troigemo kaj ĝeneraligemo, kaj Ĝi volus admoni ĉi tiun fervorulon al la instruado publika sin iom moderigi. Estas tiom da vero en tio kion rimarkigas Profesoro Kohlbrugge en sia " Praktika Sociologio " kaj kio parte precize estas la opinio de la parolanto :

« Porinstruan batalon kiel ni (la nederlandanoj) certe neniu alia lando havis, sed en aliaj landoj oni ja ne estis ekhavinta la strangan opinion, ke estas eblaj instruistoj kaj instruado tute neŭtrala ; ideo, kiu neebligis ĉiam edukadon. »

Cetere la klerega verkinto rimarkigas, ke al li ŝajnas, ke de protestanta flanko la porinstruada batalado estas parte vekigita pro opozicio. Ĉi tiuj avertaj vortoj havas por Nederlando gravan signifon, kaj por Hindujo en la postnuno eble ankoraŭ pli gravan. Estas ankaŭ pripensinde, ke en Germanujo komenciĝis en lastaj jaroj ankaŭ tia batalado, en kiu la batalantoj por instruado religikonfesa estas en ega kontakto kun siaj samopinianoj en Nederlando ; batalado, kies rezultato estas malfacile antaŭdirebla.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

*« Fine la Registaro sentas bezonon eldiri sian egan altŝaton pri la multo da bono, kiun ankaŭ la fervoruloj por la instruado religikonfesa faris en la intereso de ĉi tiuj landoj ; — da bono, kiu multe plifaciligis Ĝian taskon. Ankaŭ post nun Ĝi volonte faros uzon de tiu helpo, ĉie kie la cirkonstancoj tion ebligas kaj tre certe tie, kie tiuj fervoruloj petas pri propraj lernejoj pro la rajto de l' gepatroj ; rajto, ankaŭ tre respektata de l' Registaro. »*

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

*La vidpunkto de l' Registaro rilate al tia instruado do estas nun tute klara. Ĝi ĝin altege taksas, ĉar ĝi helpas Ĝin plenumi la regadan taskon,* tie, kie Ĝi mem ankoraŭ ne povas fondi lernejojn. Ŝajnas al Ĝi tute laŭnatura la rajto de l' gepatroj je instruado religikonfesa de propra nuanco. Kie tiu rajto de l' gepatroj ne sin elparolis, tie la cirkonstanco ke la instruado religikonfesa estas nedeviga, sufiĉe malhelpas, ke la konvinkoj de aliideuloj estus ofendataj.

*« Se tamen la gepatroj montras, ke ili tute ne estas malinklinaj igi partopreni siajn infanojn je la religiinstruo, la Registaro tute ne trovas kialon enmiksiĝi. Ankaŭ ne, se la gepatroj evidente preferas la instruadon religikonfesan, ĉar laŭ ilia opinio la edukado al moraleco estas tie pli certigita, aŭ tial ke la sindono de l'instruistaro, inspirita de pli supera Potenco, estas plia ol en la lernejoj publikaj. »*

Jen kion diris la Rajtigito de l' Registaro. La N. I. O. G.-parolinto povas el tio ekscii, ke la Registaro tute ne estas inklina laŭiri la vojon de li indikitan. Laŭ la konvinko de l' Registaro la instruado restus tute nesufiĉa, se oni ne tiel bone helpis de religikonfesa flanko. La parolado montras egan altŝaton rilate al la kunreligia instruado, kvankam S-ro Schrieke cetere deklaris, ke la Registaro ne intencas per sia helpo meti tiun instruadon en pli bonajn kondiĉojn ol la publikan. Sed tion ja neniu postulos. Por egala prestado egalaj rajtoj, tio sufiĉas, kaj sincere kaj publike la Registaro deklaras tre certe voli tion. Kaj Ĝi serioze admonas la anojn de l' batalema N. I. O. G. iom sin moderigi, aŭ almenaŭ klopodi sin levi al la nivelo de nepartia taksado.

Tradukita el misirevuo *Koloniaal Missietijdschrift* de Frato Floriano.



## INFORMOJ EL HUNGARUJO

■ La hungara episkoparo jus okazigis sian printempan konferencon, kies gvidanto estis la kardinalo-princprimato mem. Oni parolis pri la jubileo de sankta Elizabeto kaj de sankta Antonio el Padova kaj pri la festoj, kiujn oni aranĝos en Hungarujo.

Grava temo estis la Katolika Agado, kiun volas pligrandigi la episkoparo kun la helpo de la civilaj katolikaj servoj. Oni decidis, ke la 2 majo, vespere (21.40 horo), kiam en Rovereto (Italujo) sonoros la sonorilo de la mondmilitherooj, por la hungaraj mortintaj herooj, en tuta Hungarujo, en ĉiuj preĝejoj sonoros la sonoriloj dum kvaronhoro je la memoro de la herooj kaj samtempe okazos ĉie Diservoj.

■ En la estonto pligrandiĝis la nombro de la hungaraj memoraĵoj eksterlandaj, ĉar sur la monto Sion, apud Jerusalem — kiel mi jam raportis mallonge — estas hungara kapelo en la preĝejo de la Dormado. Tiu ĉi kapelo estas hungara ne nur pro tio, ĉar la elspezojn donacis la hungaraj gekreduloj, sed ankaŭ pro tio, ĉar ĉiujn ajojn de tiu ĉi kapelo faris hungaraj laborantaj manoj el hungara materio laŭ la planoj, desegnoj, bildoj de hungaraj artanimoj. La belega marmoraltaro, la multkostaj mozaikoj de la kupolo, la ora kaliko, ktp., estas ĉiuj hungaraj ! Hungara estas ankaŭ la sonorilo, kiun donacis László Szlezák, Budapesta sonorilfaranta majstro, kaj ĝi havas jenan subskribon : *Vivos voco, mortuos plango, fulgura flango.*

D-ro Gyula Lukács.

---

Felietono de la 26 aprilo 1931 — 1 —

# LA ARĜENTA MONERO

*malnova legendo de nekonata aŭtoro esperantlingven tradukita de* Alois Berndl

Estis iuvespere dum la sankta tempo de l' granda fastado, jam preskaŭ estis noktiĝinta, kiam en la krepusko solece migris du monaĥoj, silentante kaj preĝante. Ambaŭflanke de ili sur la senvoja erikejo troviĝis ie kaj ie malalta arbetaĵaro, ankoraŭ dense kovrita per glacio kaj neĝo, kelkaj malaltaj abioj kaj nur malofte alta arbo kun senfoliaj branĉoj kaj branĉetoj. Antaŭ ili en distanco de duona horo kuŝis la monaĥejo, malklare videbla kaj de malproksime obtuze kaj terure sovaĝe aŭdiĝis la bruado de l' maro, kiu, malproksime preskaŭ unu mejlon, per kolosaj ondegoj ĵetiĝis kaj saltadis kontraŭ la grandegaj, ĉielaltaj, neŝanĝeblaj rokoj de la norda bordo.

Feliĉa ĝojo kaj sankta paco plenigis la korojn de ambaŭ. Antaŭ pli ol unu jaro senditaj al Romo kaj la sankta lando Palestino, por alporti por la monaĥejo kiel honorindajn memorajojn pri la sufero de la Di-Sinjoro teron de Getsemano kaj Kalvario kaj aliajn sanktajn restajojn, ili akurate hodiaŭ vespere estis revenontaj feliĉe al ilia hejma monaĥejo kun multe da valoregaj kaj sanktaj ajoj. Neniu scias, ke ili venos, do kiom ili ĝojigos la fratojn.

Tiaj pensoj plenigis iliajn korojn kaj tia estis la temo de ilia dialogo, kiun ili komencis, kiam ili alproksimiĝis al la monaĥejo.

Subite ili aŭdis paŝojn post si kaj rigardinte, ili kun eble estas la kurioza homo, kiu krom ili tiom malfrue migris en ĉi tiu soleco, ili vidis grandan viron aliri al si.

Malarbitre ilin ambaŭ ekkaptis kvazaŭ sekreta timo, kvazaŭ stranga maltrankvilo, kiam la viro alpaŝis. Li surhavis veston kvazaŭ pilgrimanto, vastan mantelon, larĝan ĉapelon, pilgrimbastonon kaj -botelon. Nun li salutis ilin kaj demandis :

— En kiu direkto troviĝas la vilaĝo Halmoe ?

— Ĉu Halmoe ? diris unu el la monaĥoj. Halmoe troviĝas ses horojn maldekstre de ĉi tie ; hodiaŭ vi ne plu povas veni tien, ĉar vi devas iri tra arbaro kaj trans la rifoj ĉe la maro, kiujn kovras la nebulo. Venu kun ni kaj restu dum la nokto en la monaĥejo, tie vi povos ripozi kaj morgaŭ vi iru pluen en paco.

Sed la fremdulo diris :

— Mi dankas. Mi ne trovas ripozon kaj pacon. Mi devas pluen ; la vojon mi certe trovos. Sed kiel dankaĵon mi volas proponi al vi donacon, se vi volas akcepti ĝin, restaĵon el la lando Palestino, el la tempo de Jesu-Kristo ; ĝi min pezigas kaj ĉe vi ĝi certe estos pli bone konservata.

Miregante la du monaĥoj estis rigardintaj la fremdan pilgrimanton kaj aŭskultintaj liajn vortojn.

Tiu ĉi elpoŝigis ledan monujon, malfadis ĝin kaj, lumigite de la luno, vidigis en ĝi granda monero.

— Tio estas unu el tiuj tridek arĝentmoneroj, diris la fremdulo per obtuza voĉo, por kiuj la propra apostolo perfidis sian majstron, Nian Savanton ; la signon de ĝia aŭtentikeco vi trovos tuj, kiam vi akceptos ĝin.

Kaj li prezentis la ledan monujon kun la arĝenta monero al la monaĥoj.

Ekteruriĝite kaj time ambaŭ estis deturnintaj sin de la monero, kiu memorigas la sangon de la krucumita Savanto kaj la sangon de la sinmortiginto Judas.

— Akceptu ! petis la fremdulo. Via monaĥejo uzu ĝin laŭvole. Vi pli bone povos utiligi ĝin ol mi.

Hezitante kaj time unu el la monaĥoj prenis la monujon kaj enpoŝigis ĝin. La fremdulo dankis, deturnis sin kaj foriris grandpaŝe tra la nigra erikejo. Eble kvaronhoron la monaĥoj estis kune irintaj kaj jam vidiĝis la helaj fenestroj de la monaĥejo, jen la monaĥo, kiu portis la moneron, diris al sia akompananto :

— Ho ! kara frato, kiom malbone mi fartas ! Mia koro preskaŭ volas krevi, mia sango kvazaŭ furioze rapidegas tra la vejnoj, kvazaŭ demono ekkaptis min, de post kiam mi portas la sangan monon, kiu forprenis min tutan pacon kaj trankvilon kaj trudis al mi la plej teruran maltrankvilon, la plej timigajn pensojn de malespero. Ho ! kiom mia tuta interno estas dezertigita kaj pereigita

# Letero el Nederlando

### La apostatiĝo en la grandaj urboj kaj la registara zorgo pri la kampara loĝantaro

Internacie pli kaj pli montriĝas la simptomo de la transloĝado de la kampara loĝantaro al la grandaj urboj. Ankaŭ en nia lando tiu transloĝado alprenis grandajn formojn kaj kaŭzas nuntempe diversajn maloportunaĵojn.

Precipe de katolika vidpunkto ĝi meritas nian atenton. Esplorante la kaŭzojn de tiu transloĝado ni facile trovas ke la plej gravaj estas : la koncentriĝado en la grandaj urboj de la industrio, la instruado (precipe la supera kaj fakinstruado kaj pro tio la intelektularo), la malsanulflegado, muzeoj, ktp, kaj la fakto ke la modernaj vivrimedoj kaj teĥnikaj eltrovoj plejparte nur funkcias en la grandaj urboj (elektra lumo kaj forto, akvoprovizigo, ktp.). Do loĝado sur la kamparo en komparo kun tiu en la urboj multegon malhavas. Certe ne ĉion oni povas enkonduki en la kamparo kaj la kamparo de la alia flanko konas diversajn profitojn rilate korpa higieno kaj moralaj cirkonstancoj, kiuj tute povas kompensi tiujn malprofitojn.

De katolika vidpunkto estas evidente, ke la danĝeroj, kiuj minacas la kredon kaj la bonajn morojn estas pli grandaj en la urboj ol en la vilaĝoj.

La statistikoj de la apostatiĝo kaj senreligiiĝo en la grandaj urboj tion ja klare pruvas.

El tio nepre sekvas la grava zorgo de la katolikaj aŭtoritatoj, kiuj devas kiel eble plej kontraŭagadi al tiu troa transloĝado de la kampara loĝantaro al la urboj. Pro tio la katolika Ŝtatpartio antaŭ kelka tempo diskonigis al la katolikaj anoj de la provincaj registaroj, kiuj plej parte estras kaj kontrolas la kamparajn komunumojn saĝan gvidfadenon, laŭ kiu ili kiel eble plej multe agadu por la plibonigo de la loĝebleco de kaj la vivrimedoj sur la kamparo ekzemple per voĉdono de kreditoj por la ekfunkciigo kaj starigo de elektraj centrejoj kaj provincaj akvokondukiloj, kiuj siavice ebligas la ekzistadon de malgrandaj industrioj ; la fondigo de malsanulejoj, fak- kaj superaj lernejoj en la vilaĝoj ; kaj la malizoligo de la kamparo per saĝa evoluigo de trafiko kaj vojoj.

En ĉi tiu rilato ni ankoraŭ povas informi, ke la katolikaj parlementanoj antaŭ kelka tempo laŭ ĉi supra gvidfadeno voĉdonis kontraŭ la projekto de Justecministro Donner, kiu projekto pro financaj motivoj intencis transloĝigi al la provincaj ĉefurboj diversajn tribunalojn, kiuj ĝis nun estis en vilaĝoj. La projekto pro tio ne estis akceptata en la parlamento.

### Eksministro Profesoro G. J. M. Aalberse 60 jara

La 28 marto Eksministro Profesoro P. J. M. Aalberse festis sian 60-an naskiĝtagon.

La tuta nederlanda gazetaro kaj katolikaro partoprenis en ĉi tiu jubileo, ĉar malantaŭ li ja kuŝas fruktoriĉa vivo sur la tereno de la katolika vivo, politiko kaj jurnalismo.

Post la morto de D-ro Schaepman, la katolika pioniro kaj emancipatoro de la nederlanda katolikaro, Profesoro Aalberse fariĝis la ĉefa gvidanto de la katolika agado kaj politiko nialanda. Je la fino kaj tuj post la mondmilito, kiam ankaŭ nia lando travivis malfacilan krizan tempon pro la minacanta revolucio, li estis Ministro de Laboro, Komerco kaj Industrio en kiu funkcio li donis al nia lando tutan socian leĝaron, kiu spiris la spiriton de la Enciklikon *Rerum Novarum*. Li ankaŭ estis la iama iniciatinto kaj fondinto de la Unuiĝo por Katolika Socia Agado, kiu bedaŭrinde la lastajn jarojn malprosperis sed antaŭ kelkaj monatoj ree fariĝis aktuala kaj espereble baldaŭ revenos en la aktiva intereso de la katolikaro. Notinda ankaŭ estas lia jurnalista laboro. Nuntempe li ankoraŭ laboras en la redakcio de la plej granda katolika ĉiutaga gazeto *De Maasbode*.

Okaze de la *Rerum Novarum*-jubileo en la monato majo li akompanos Lian Episkopan Moŝton Msron Aengenent al Romo.

Katolika Nederlando certe ne povis elekti delegiton pli taŭgan ol li.

### Grandioza spektaklo en la Amsterdama sportstadio

« De Graal » (La Gralo), la katolika unuiĝo de junaj virinoj en la eparĥio Harlemo, okazigis la 6 aprilo (dua Paskotago) en la Amsterdama sportstadio grandiozan reprezentadon de amasa parolĥoro : « La reĝa Paskokruco.

La reprezentado rikoltis grandegan sukceson kaj montris la eblecon de kaj intereson por tiaj amasaj artaj spektakloj. Sur la honortribuno ĉeestis i. a. Lia Episkopa Moŝto Msro Aengenent, la iniciatinto, senlaca instiganto kaj multŝatata protektanto de ĉi tiu simpatia unuiĝo.

Samspecan amasan spektaklon oni nun ankaŭ intencas aranĝi je la antaŭvespero de la kvina nederlanda Katolikojtago la 26 majo.

### La aktiveco de la socialistoj

Ĉu Nia-Sinjoro Jesu-Kristo ne diris : « La infanoj de la mallumo estas pli saĝaj ol la infanoj de la lumo » ? Nu, la socialista gazetaro en nia lando eldonis inter ĝiaj samcelanoj obligaciopruntepreno de 500.000 guldenoj. La provizora listo de pruntedonantoj tamen sumas..... *unu milionon* da nederlandaj guldenoj ! (1 nederlanda guldeno : 10 frankoj.)

La katolika gazetaro nialanda kvankam pli ampleksa kaj influhava ol ĝenerale en la eksterlando preskaŭ ĉiutage spertas financajn malfacilaĵojn, precipe la loka kaj regiona gazetaro, kiu tamen ne estas malpli grava ol la tutlanda.

Alia pruvo de la socialista aktiveco estas, ke ili jam de longe posedas partioficejon, dum la katolika partioficejo, kvankam ne malpli necesa, ankoraŭ estas, malgraŭ daŭra monkolektado kaj oftaj instigoj..... utopio !

J. H. Westen.



# Informoj el Francujo

### La Nacia Kongreso de la Katolika Junularo en Lourdes

Laŭ invito de Msro Gerlier, episkopo de Tarbes kaj Lourdes, eksprezidanto de la Katolika Asocio de la Franca Junularo, tiu unuiĝo okazigis sian ĉijaran kongreson en Lourdes, de la 9 ĝis 13 aprilo.

La katolika junularo de tuta Francujo estis reprezentita en tiu kongreso per multaj junuloj, kies nombro atingis, la dimanĉon, pli ol 20.000. Dekdu ĉefepiskopoj kaj episkopoj prezidis la laborkunsidojn kaj religiajn ceremoniojn, kiuj ple okazis ĉe la groto de Nia-Sinjorino de Lourdes kaj en la ambaŭ bazilikoj.

Oni jam scias, ke la devizo de la Asocio estas : Pieco, Studado, Agado. Ĉijare la kongreso sin okupis speciale pri la pieco en la katolika junularo de Francujo : kiamaniere ĝin konservi kaj pli kreskigi en la junuloj. la temo estis antaŭe pristudita en ĉiuj rondoj kaj la raportoj, prezentitaj en la kongresaj kunsidoj, alportis la konkludojn de tiu vasta enketo. Kaj oni decidis intensigi ankoraŭ pli kaj pli la piajn verkojn en la katolika junularo de Francujo ; la pieco estas ja la firma bazo por estonta socia kaj religia agado.

### Perdo por la Eklezio en Francujo

La Sanktan Vendredon, matene, mortis Msro Gibier, episkopo de Versailles. Tiu,



Msro Gibier

kiun Papo Pio X-a salutis kiel « la ĉefa paroĥestro de Francujo », kiun niaj samtempanoj juste nomis « la efektiviganta episkopo » mortis en plena zela aktiveco.

Paroĥestro de Sankta-Paterno en Orleans, Pastro Gibier aperigis, en 1890, la unuan paroĥan bultenon. « Ĉar ofte la gazetaro estas perilo por la malvero kaj la malbono, ke ĝi estu ankaŭ perilo por la bono kaj vero ». Kaj li interesigis ĉiujn paroĥanojn al la mirindaj verkoj de li organizitaj. Fondante en 1927 *La Croix de Seine-et-Oise*, gazeton de la eparĥio, kiu dum nur unu jaro devis trafi tiel grandan sukceson, la episkopo de Versailles ne pensis kaj diris alion. Kiel vera familiestro, la bona paŝtisto devas interrilatiĝi kun sia ŝafaro, kaj li devas pere de bona gazeto esprimi ĉiusemajne, ĉiumonate siajn ĝojojn kaj ankaŭ siajn timojn.

Paroĥaj aŭ eparĥiaj verkoj estas farotaj de ĉiuj. Starigi societon estas facile, interesigi ĝiajn anojn al ĝia vivo kaj kresko estas la celo pli malfacile trafota. Li efektivigis siajn pensojn precipe pere de starigo de la Socia Agado Eparĥia, kies ĉefa helpgvidanto estis Lia Ĝeneralvikaria Moŝto Lebaut. La sukceso estis tiel granda, ke similaj asocioj estis poste fonditaj en aliaj eparĥioj.

En ĉiuj kantonoj estis starigitaj katolikaj komitatoj, kies religia agado estis tre vigla.

En 1917, Msro Gibier fondis la Katolikan Unuiĝon de la Kampkultura Francujo, kaj en 1920, la verkon de la Adopto de la kampkulturaj paroĥetoj.

Sed kiam Msro Gibier fariĝis episkopo de Versailles, en 1906, lia eparĥio mankis multajn presbiterojn. Li do tutkore zorgis, por ekinstigi pastrajn inklinojn kaj organizi seminariojn. Li fine sukcesis havigi al sia eparĥio multajn pastrojn, kaj la lasta ordinigo estis ĝoje kontentiga.

Msro Gibier estis ankaŭ verkisto. Li skribis 30 volumojn por propagandi kaj defendi la kristanan doktrinon inter la laboristaro.

Msro Gibier estis ricevinta la Kavaliran Krucon de la Franca Honorlegio, la 1 septembro 1923. Antaŭe, la 10 decembro 1919, la Belga reĝo sendis al li la kravaton de komandanto de la Ordeno de Leopoldo II-a.

La morto de Msro Gibier, aparta figuro en la franca episkoparo, estas plorita de la tuta Eklezio en Francujo.

### Aliaj Kongresoj

La Nacia Federacio de la Eparĥiaj Sindikatoj por la neŝtata instruado, kiu kalkulas nuntempe 37 sindikatojn kun proksimume 9 000 membrojn, jus okazigis, la 10-12 aprilo, nacian kongreson, sub la prezido de Msro Baudrillard, ĉefepiskopo de Meliteneo kaj rektoro de la Katolika Instituto de Parizo. La kongreso sukcese okazis en Parizo.

Ĉiujare en Francujo estas organizata Kongreso por la pastra rekrutigo. Ĉijare ĝi okazos la 22-30 aŭgusto en Paray-le-Monial.

La Socia Semajno okazos la 27 julio-2 aŭgusto en Mulhouse. La temo pritraktota estas : « La moralo en la negoco ».

G. O.



---

per la terura donaco ! Mi volas forjeti ĝin, por ke forlasu min la demono de maltrankvileco.

— Ne, ho ne ! petis lia kunulo. La trovonto eble ankoraŭ pli malfeliĉiĝos per ĝi ; donu ĝin al mi ; mi volas porti ĝin al la monaĥejo.

La alia donis ĝin al li. Post mallonga tempo ili atingis la monaĥejon kaj devis ankoraŭ la saman vesperon aperi antaŭ la abato, kie ili transdonis ĉiujn siajn sanktegajn aĵojn de la sankta lando kaj fine ankaŭ la arĝentan moneron, post kiam ili dum la timega kapskuado de la honorinda abato estis rakontintaj, kiamaniere ili ricevis ĝin.

Li foririgis ilin kun sia beno, metis ĉiujn aĵojn apud sian kuŝejon, por havi ilin apud si kaj poste li enlitiĝis.

Sed meze en la dormo li subite vekiĝis pro la plej teruraj timigaĵoj. Antaŭ lia animo staris Judas, la perfidulo, farante la teruran, la plej skandalan agon, kiun povas fari homo. Malinde li komuniiĝis la korpon de Kristo. Kvazaŭ diablon li vidis lin, englutantan la hostion per sia nigra, malsankta faŭko.

Kaj liberiginte sin de ĉi tiu terura sonĝo, li vidis Judas'on, perfidante por kelkaj arĝentaĵoj la Di-Sinjoron de l' mondo, la karan Savanton, kaj poste la perfidulon, pendiginte sin solece sur arbo en la « Sangkampo ». Malespero, teruro, turmentiga timo, kvazaŭ kuŝus sur li la tuta infero, lin forpelis el la lito. Li volis preĝi, sed estis kvazaŭ la perfidulo ŝnurumus al li la laringon kaj tenus la manojn ; li ne kapablis preĝi, terura timo forpelis lin kaj li rapidis malsupren, por veki la prioron kaj serĉi konsolon ĉe li. Sed ĉi tiu spertis la samon, kiel la abato. Tuj kiam li ekvidis la fatalan arĝentmoneron, lin ekkaptis maltrankvilo. Kaj ambaŭ ne scis alian rimedon, ol iri malsupren en la preĝejon kaj pasigi la nokton antaŭ la Sanktega Eŭkaristio ĉe la ŝtupoj de la altaro.

La postan matenon la abato kunvokigis la tutan monaĥaron en la konferencan salonegon, kaj li raportis pri la terura donaco, kiun la du revenintaj fratoj estis ricivintaj de la kurioza fremdulo kaj interkonsiliĝis kun ili, kion oni faru per la arĝenta monero. Kun timego alproksimiĝis la piaj monaĥoj al la tablo, sur kiu kuŝis la monero kaj ili ne riskis tuŝi ĝin per siaj puraj manoj. Briletante ĝi kuŝis, havante sur unu flanko kalikon kun tranga malnovhebrea surskribo, sur la alia triburĝonhavan florbastonon — la bastonon de Aaron, same ĉirkaŭita per hebreaj literoj. Ĉe la rando vidiĝis sur unu flanko malhela, ruĝa makulo — ĉu rusto, ĉu sango, oni ne povis diferencigi.

Tremante pro teruro la monaĥoj rigardis la moneron.

— Do, tridek tiaj metalaĵoj — kaj por tio la malfeliĉegulo perfidis la Savanton kaj fordonis la eternan feliĉon, diris unu.

— Kaj aĉetis la inferon per ĝi, flustris alia, timigite montrante al la malhela makulo.

— Kiom blindigita li estis, kiom droninta en sia monomanio — por kelke da tiaj arĝentaĵoj la Savanton ! . . .

— Kiu eble estis, la homo, demandis unu la du fratojn, kiu donacis al vi la moneron ?

— Ni ne scias ĝin, ili obtuze respondis.

— Mi scias ĝin, diris maljuna monaĥo, kiu atente estis aŭskultinta ilian priskribon ; estis la eterna judo (1).

(1) Laŭ legendo Ahasvero forpuŝis la Savanton dum lia sufera Kalvarienira kaj li devas pune migri eterne, senripoze. Popoldire li estas nomata « la eterna judo » aŭ « la migranta judo ».

Post kiam oni estis interkonsiliĝinta, kion oni faru per la arĝenta monero, oni decidis, enmasoni ĝin en muron de la monaĥeja peristilo.

Tio okazis, sed la masonistoj nur pene povis plenumi la taskon. Kvazaŭ la ŝtono rifuzus akcepti la fatalan moneron, ĝi ŝajne malcedis al ĉiuj iloj kaj nur post longa penado oni sukcesis haki truon en la muron, kien oni metis la moneron kaj poste refermmasonis la truon. Sed ankaŭ tio povis okazi nur per multa peno. La mortero kaj la ŝtono, per kiuj estis fermota la truo ŝajne retiriĝis por ne tuŝi la « sangan moneron » ; ili ĉiam denove falis teren, ĝis oni fine sukcesis, arte fermi la truon. Sed ankaŭ tio ne helpis. La postan tagon la tuta muro de la peristilo, kie estis enmasonita la arĝenta monero estis malseka, kvankam ĝi antaŭe estis seka kaj malnova. Kvazaŭ ĝi ŝvitus, akvo gutetis trans ĝi malsupren. Kaj apenaŭ estis pasintaj tri tagoj, la masonaĵo redepecetiĝis de la fermita truo kaj la arĝenta monero de Judas falis teren, kvazaŭ la muro estus elpuŝinta ĝin.

*(Daŭrigota.)*

## EL TRINIDAD

■ Sub la aŭspicioj de la Katolika Unuiĝo Socia de Trinidad granda kunveno de katolikoj okazis dum februaro. La vasta domo de la imperia teatro estis plenplena da katolikoj: pli ol 2.000 personoj, viroj kaj virinoj, el ĉiu fazo de vivo en la komunumo, demonstradis la katolikan kredon, dum la Provincestro de la Dominikanoj, Pastro Finbar Ryan, paroladis pri « la Papo kaj Socia Agado », montrante samtempe la ruinigontan rezultaton de la eksedziĝa leĝo, kiun la leĝdona konsilantaro penas enkonduki en Trinidad. Pli ol 4.000 personoj devis resti ekster la domo, ĉar la sidlokoj estis jam okupataj unu horon antaŭ la demonstrado. Lia Ĉefepiskopa Moŝto de Trinidad prezidis la kunvenon kaj sur la estrado ĉeestis pastroj de diversaj Ordenoj en Trinidad kaj la estraro kaj membroj de la Katolika Unuiĝo Socia.

■ La 7 marto la leĝdona konsilantaro de Trinidad voĉdonis per 16 voĉoj favoraj al leĝo de eksedziĝo kaj 7 voĉoj kontraŭaj. Grandparte la membroj de la leĝdona konsilantaro, la loka parlamento de Trinidad, konsistas el membroj *pro ofico* kaj membroj nomitaj. Membroj *pro ofico* estas personoj, kiuj havas grandan postenon ĉe la gubernio; membroj nomitaj estas personoj, kiuj estas nomitaj de la gubernio. Estas nur ses membroj elektitaj de la popolo en la leĝdona konsilantaro. Entute la katolikoj havas nur kvar membrojn en la loka parlamento; pro tio ili ne havas bonŝancon. Ĉiuj membroj *pro ofico* kaj kelkaj aliaj voĉdonis favore al eksedziĝo. Ŝajnas, ke kelkaj sektoj protestantaj tie ĉi estas tre indiferentaj pri eksedziĝo.

■ La katolikoj, anglikanoj kaj hindoj aranĝis publikan kunvenon dum marto en la Reĝina Parko, Trinidad, kie oni diskutis la demandon de la eksedziĝo laŭ ĉiuj ĝiaj aspektoj.

Inter la parolintoj estas Lia Ĉefepiskopa Moŝto de Port-of-Spain, la anglikana episkopo de Trinidad, kaj gvidantoj de la hindoj. Tiu ĉi kunvenego estis aranĝata responde al ĝenerala peto de katolikoj, anglikanoj kaj hindoj kiel protesto kontraŭ la enkonduko de la leĝo de eksedziĝo en Trinidad.

Dom Wilfrid Broens, O. S. B.

## EL AŬSTRUJO

**El kiuj rondoj devenas niaj pastroj?**

En la verko « Der Katholizismus in Osterreich » (La Katolikismo en Aŭstrujo) aperonta en printempo nunjara en la eldonejo « Tyrolia », Innsbruck, skribas pri tio Msro Handloss, estro de la pastra seminario en Wien:

« Rilate al la deveno de la nova generacio de pastroj kaj ordenanoj el la familio montriĝas ja ŝanĝo kompare kun la antaŭmilitaj tempoj. Iam rigardis la kamparano honoron, se li povis donaci unu el siaj filoj al la pastreco. La malfacilaj socialaj cirkonstancoj de la kamparanaro faligis kelkion malnovan tradicion. Ankaŭ politike skuis kelkaj partioj la varman katolikan vivon; se ni al tio kalkulas la bedaŭrindajn efikojn de la malpliigo de la naskiĝoj ankaŭ multloke ekster la urboj, tiam ni komprenas, ke la kamparanaro tie, kie ĝi ne plu estas profunde kredanta, ne plu funkcias rilate al la postkreskajo de pastroj kaj ordenanoj. Al ĝia loko ĉiam pli venas filoj de dometposedantoj, de profesiuloj, salajruloj, lasttempe ankaŭ el proletaraj rondoj, almenaŭ unuope. Eble estas ĉi tiu ŝanĝo, kiu ja nur estas en la komenco, laŭ la plano de Dio, ĉar same kiel la filo de kamparano kiu radikas en la grundo, komprenas la kamparanon, tiel komprenas pli bone la proletara infano senradikta, la mizeron de sia klaso. En lasta tempo ankaŭ pliiĝas, ke filoj el religie indiferentaj aŭ eĉ malamikaj familioj tute el si mem venas al la pastreco. »

Karl Dürschmid.

*Kun la permeso de la eklezia aŭtoritatoj.*

Respondeca Redaktoro (*Gérant*): Th. MERVILLE.
Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e. - Gob. 62-71